# INTERNACIA ĴURNALISTO

Jaro XVII, julio, n-ro 2

1978.



Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## LA OLIMPIKOJ EN MOSKVA, USSR

### HOTELO "KOSMOS" DESTINITA NUR POR ĴURNALISTOJ EL LA TUTA MONDO



La nova hotelo "Kosmos", konstruita en Moskva de francaj kaj jugoslavaj specialistoj, kiu akceptos la ĵurnalistojn akreditajn okaze de la olimpiaj ludoj 1980.

(v.p.8)

## LA ORGANIZA STABILIĜO KAJ AKTIVIĜO DE NIA TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO

La jarkunveno de TEĴA en Varna 1978 konstatis la ne bona organiza stato de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, rezulte de la malapero de nia presorgano "Internacia Ĵurnalisto".La jarkunveno montris la plej gravajn proksimajn taskojn pri la stabiliĝo kaj reaktiviĝo de nia asocio.

Inter tiuj taskoj estas la reaperigo de nia organo "I.Ĵ." Dank' al la klopodoj de ĝiaj redaktoroj kaj amikoj-ĵurnalistoj, membroj de la Bulgara E-Asocio, "Int.Ĵ-sto" aperis post la Universala Kongreso de Esperanto en Varna. Laŭ la promeso de la redakcio, la marta n-ro 1-1979 j. aperas kun ioma malfruiĝo pro teknikaj malfacilaĵoj. La julia (n-ro 2) aperos antaŭ la UK en Lucerno kaj la membroj ricevos ĝin siatempe.

Laŭ la plano por estonta laboro de TEĴA, akceptita de la jarkunveno, nia estraro kaj speciale la ĝen.sekretario D. Fabris devas prepari novan nomaron de la efektivaj membroj de TEĴA. Tiurilate estas tre ege necesa la helpo de niaj membroj kaj aktivuloj kaj speciale de niaj estraranoj. Ĉiu el ili konas la esperantistojn -ĵurnalistojn en sia urbo aŭ en la lando kaj povas urĝe sendi nomaron de la kolegoj A- kaj B-membroj al la redakcio de "I.Ĵ." kaj al la ĝenerala sekretario s-ano Dino Fabris. La estraranoj de nia asocio estas petataj nepre kaj tuj fari tion.

Paralele kun la precizigo de la membro-nomaro ni devas

organizi varbadon de novaj A- kaj B-membroj unuavice inter la redaktoroj kaj kunlaborantoj de esperantaj gazetoj kaj kunlaborantoj de naciilingvaj kaj aliilingvaj eldonaĵoj. Devo de ĉiu redaktoro de esperanta gazeto tuj aliĝu al sia kultur-profesia organizaĵo kaj kunhelpi al ĝi por efektivigo de ĝiaj celoj kaj taskoj.

Grava estas ankaŭ la kunlaborado al kaj kun la Gazetara Servo de Universala Esperanto-Asocio. Tiucele nia estrarino Anna Brenan estas petata per informaĵo aŭ artikolo en "I.Ĵ" klarigi al niaj membroj la laboron de la Gazetara Servo, kiamaniere oni povas kunlabori al ĝi konkrete kaj kiamaniere ni efektivigu la kunlaboradon inter la Gazetara Servo de UEA kaj TEĴA.

Ĉefa nia tasko estas organizi aktivan kaj rezultodonan profesian kunlaboradon inter niaj tejanoj - interŝanĝo de gazetmaterialoj, de sperto, de interhelpo ktp. La estraro de TEJA kaj la redakcio de "I.Ĵ" estas pretaj kontentigi la dezirojn de niaj membroj en tiu rilato.

Niaj membroj ofte ekskursas oficе aŭ kiel turistoj eksterlande. Ĝis kiam ni starigos nian Gastigad-Servon ĉe TEĴA, provizore la estraro de TEĴA plenumos ankaŭ tiun taskon por helpi la tejanojn por kaj dum iliaj eksterlandaj vojaĝoj.

Necese estas ankoraŭfoje revizii nian TEĴA-statuton.

En kelkaj n-roj de "I.Ĵ." antaŭ 7 jaroj oni pridiskutis la statuton, sed poste ĝi ne estis prilaborita kaj aprobita. Do tion ni devas fari kaj solvi dum la jaroj 1979 kaj 1980. En la jarkunveno de TEĴA en Stokholmo 1980 la statuto devas esti akceptita kaj aprobita.

Estas ankoraŭ aliaj taskoj farendaj. La jarkunveno en Lucerno eble pridiskutos kaj solvos ankaŭ ilin.

Do - al konscia agado por la organiza stabiliĝo kaj aktiviĝo de nia TEĴA!

RICEVITAJ ELDONAĴOJ

* Jarlibro 1978 de UEA, 376-paĝa. Riĉenhava por ĉiuj teĵanoj.
x Kantareto - 14-paĝa, stencilita. Eldono de Sofia distr.urba Estraro.
x Le Jeurnaliste demokratique, grandformata ilustrita ĵurnalo, organo de la Internacia Ĵurnalista Organizo. Redakcio: Parizska 9, Praga 1, Ĉeĥoslovakio. Aperas en franca lingvo.
* Aktualaj ĵurnalistaj problemoj, organo de Int.Ĵurn. Organizo en Prago, aperas en rusa lingvo. N-ro 3-4, 1979.
* Moskow News, grandformata, 16-paĝa, n-ro 16 (2848), 1979, speciala aldono de la Moskva gazeto ("Moskvaj Novaĵoj"). Enhavas: Parolo de L.I.Breĵnev antaŭ la balotantoj, rezultoj de la balotoj por Supera Soveto de USSR, materialoj kaj fotoj pri la fonda konferenco de la Asocio de Sovetaj Esperantistoj.
* Slovaka Antologio - 548-paĝa, lukse bindita. Oni prezentas buntan elekton el la literaturaj valoraĵoj de la slovaka nacio. Valora kontribuo al la esperanta kulturo.

ĴURNALISTAJ MANIFESTACIOJ

- Delegitaroj de la Ĉeĥoslovaka Ĵurnalista Asocio kaj de la klubejo "Konkordia" de aŭstraj ĵurnalistoj interkonsentis plifirmigi siajn profesiajn kontaktojn.
- La 6-a kongreso de la Federacio de Arabaj ĵurnalistoj okazis en Bagdad de la 1-a ĝis la 3-a de aprilo j.k. La estraro de la Federacio funkcias en Bagdad.
- En Kopenhago (Danlando) okazis Internacia seminario pri la problemoj de la malarmado kaj malstreĉiĝo en la internaciaj rilatoj. Estis decidite realigi la Deklaron de Unesko pri la amasrimedoj de informado.
- Invitita de la soveta presagentejo TASS en Moskva gastis la direktoro de la presagentejo Reiter Geral Long. Estis subskribita protokolo pri kunlaboro kaj ŝanĝo de informoj.
- En GFR pli ol 4 800 ĵurnalistoj verkistoj k.a.postulis malpermeson de la neonazisma gazetaro. Tie la neonazistoj eldonas ĉirkaŭ 100 gazetojn kaj bultenojn en 200 mil ekzempleroj.
- En Praga okazis kunsido de la plenumkomitato de la Internacia federacio pri turismo (FIĴET).

MONDKONATA LETERO DE LEV TOLSTOJ

En la jaro 1894 V.L.Kravcov, en la nomo de esperantistoj de Voronej, petis Tolstoj esprimi opinion pri la problemo de internacia lingvo ĝenerale kaj speciale pri Esperanto. La 27an de aprilo 1894 Tolstoj sendis sian famiĝintan leteron, kiun ni sube represas. La letero aperis en la rusa originalo en la volumo 67 de la plena verkaro (paĝo 101) kaj en la germana traduko en "Leo Tolstoj, Briefe 1848 - 1911". Gesammelt und herausgegeben von P.A.Segejenko, Berlin 1911 (S. 145). La Esperanta traduko aperis unuanfojon en "Esperantisto" n-ro 7 (55), Nürnberg, 15,julio 1894.

Estimataj Sinjoroj!

Mi ricevis vian leteron kaj penos,kiom mi povos, plenumi vian deziron, t.e. eldiri mian opinion pri la penso de lingvo tutmonda entute kaj pri tio, kiom la lingvo Esperanto respondas al tiu ĉi ideo.

Pri tio, ke la homoj celas al tio, por fari unu anaron kun unu paŝtisto de prudento kaj amo kaj ke unu el la plej proksimaj kondukantaj ŝtipoj por tiu ĉi devas esti reciproka komprenado de la homoj unu kun alia - pri tio povas ekzisti nenia dubo. Por tio, ke la homoj komprenu unu la alian, estas necese aŭ tio, ke ĉiuj lingvoj per si mem kunfandiĝu en unu lingvo (kio, se ĝi fariĝus iam, povus fariĝi nur post tre longa tempo), aŭ tio, ke la sciado de ĉiuj lingvoj tiel vastiĝu, ke ne sole ĉiuj verkoj estu tradukitaj en ĉiujn lingvojn, sed ankaŭ, ke ĉiuj homoj sciu tiom multe da lingvoj, ke ĉiuj havu la eblon komunikiĝi unu kun la alia en tiu aŭ alia lingvo, aŭ tio, ke ĉiuj elektu unu lingvon, kiun devige lernus ĉiuj popoloj, aŭ fine tio, (kiel supozas la volapükistòj kaj esperantistoj), ke ĉiuj homoj de diversaj nacioj akceptu unu artefaritan facilan lingvon internacian kaj ĉiuj lernu ĝin. En tiu ĉi konsistas la ideo de la esperantistoj. Ŝajnas al mi, ke tiu ĉi lasta supozo estas la plej prudenta kaj - la plej grava - la plej facile efektivigebla.

Tiel mi respondas la unuan demandon. La duan demandon - en kia grado la lingvo Esperanto kontentigas la postulojn de lingvo internacia - mi ne povas respondi tute decide, ĉar mi ne estas kompetenta juĝanto en tio ĉi. Unu, kion mi scias, estas tio, ke Volapük aperis por mi tre komplika, Esperanto do, kontraŭe, tiel facila, kiel ĝi devas aperi al ĉiu eŭropa homo. (Mi pensas, ke por tutmondeco en absoluta senco de tiu vorto,t.e. por ligi inter si hindojn, ĉinojn, popolojn afrikajn...

alia lingvo, sed por homo eŭropa Esperanto estas tre facila).

La facileco de ĝia lernado estas tiel granda ke ricevinte antaŭ ses jaroj Esperantan gramatikon, vortaron kaj artikolojn, skribitajn en tiu ĉi lingvo, mi post ne pli ol du horoj da okupado povis jam, se ne skribi, almenaŭ libere legi en tiu ĉi lingvo.

En ĉia okazo la oferoj, kiujn alportos ĉiu homo de nia eŭropa mondo, dediĉinte kelkan tempon por la lernado de tiu ĉi lingvo, estas tiel malgrandaj, kaj la sekvoj, kiuj povas veni, se ĉiuj, - almenaŭ la eŭropanoj kaj amerikanoj - ĉiuj kristanoj, - ellernos tiun ĉi lingvon, estos tiel grandegaj, ke oni ne povas ne fari tiun ĉi provon. Mi ĉiam pensis, ke ekzistas nenia pli kristana scienco, ol la sciado de lingvoj tiu sciado, kiu donas la eblon komunikiĝi kun plej granda nombro da homoj. Mi vidis multajn fojojn, kiel homoj tenadis sin malamike unu kontraŭ la alia nur dank' al la meĥanika malhelpo por reciproka komprenado Kaj tial la lernado de Esperanto kaj la vastigado de ĝi estas sendube kristana afero, kiu helpas al kreado de la Regno de Dio, tiu afero, kiu estas la ĉefa kaj sola difino de la homa vivo.

Leo Tolstoj

27-an de aprilo 1894.

(El "der esperantist", n-ro 93, 1979)

EN LA BERLINA ĴURNALISTA LERNEJO DE SOLIDARECO



La kursanoj de la lernejo de Solidareco atente aŭskultas la lecionon (v.p.9)

El la E-GAZETOJ

("Esperanto", n-ro 881 (5), p.81 )

"ASOCIO POR TERGLOBA SESONO"

"La partoprenintoj de la konferenco unuanime decidis konsideri la ĉefaj taskoj de la Asocio kaj de la enirantaj ĝin organizaĵoj la partoprenon, uzante Esperanton, en la firmigo de la paco kaj disvolvado de la kulturaj ligoj de la soveta popolo kun la popoloj de aliaj landoj en la interesoj de firma paco, sekureco kaj kunlaborado; helpadon al esperantistoj en lernado de Esperanto kaj profundigo de ĝia scio: edukon de la sovetaj esperantistoj en la spirito de patriotismo kaj internaciismo, malkompromisemo koncerne la reakcian ideologion, faŝismon, koloniismon, rasan diskriminadon kaj socian maljuston."

La citita alineo parte respondas al la demandoj pri la karaktero de la nova landa organizaĵo en Soveta Unio. Kiel jam anoncite, la prezidanto de ASE fariĝis prof. d-ro Mahomet Isaev, dum ĝiaj vicprezidantoj estas: N.B.Zubkov, A.I. Makovskij, S.N.Podkaminer kaj V.V.Samodaj; respondeca sekretario estas A.V.Berjoza, kiu plenumis dum la lastaj jaroj similan funkcion en la Komisiono pri Internaciaj Ligoj de Sovetaj Esperantistoj.

La fondiĝo de ASE signifas oficialiĝon de la Esperanto-movado en Soveta Unio. Nun la Internacia Movado akiras partneron por kunlaboro kun la esperantistoj de la plej vasta lando en la mondo. Jam tio estas sufiĉa kaŭzo por saluti la novan organizaĵon, kiu sendube baldaŭ viciĝos inter la

## LA OLIMPIKOJ 1980 EN MOSKVA

La preparoj por la XX-aj Olimpiaj Ludoj estos plenumitaj en la fiksita horo. La prezidanto de la Internacia Olimpika Komitato Lord Kilianin, post vizito de la konstruaĵo, deklaris, ke la olimpia "vilaĝo" eble estos la plej bela el la ĝisnunaj. Li parolis pri la konfortaj kondiĉoj por la ĵurnalistoj. (ĉirkaŭ 7 500 proksimume). La hotelo "Kosmos", okupanta 20 hektarojn estos 26 etaĝa kun surfaco por 150 aŭtoj.

Poezio

## LA VERDA STELO

Sur nia brusto portas ni steleton -
Insignon de l' frateco kaj esper',
Fiere portas ĝin por lukto pretaj,
Por paco de l' popoloj sur la Ter'.

Kaj kredas ni je l' estonteco bona
Kaj kune marŝas ni kun ĝoja kor':
La homoj de l' planed' la vojon konas
Kaj venos la triumfa, hela hor'!

Kuraĝe do, amikoj, al l'afero!
Ni kune iru al la fina cel'!
Ekflamos vera fajro el "Fajrero"
En ĉiu koro, sub la verda stel'!

Paŭlo Bonĉarov, Moskvo, USSR

---

TEJANOJ, JUS ALIGINTAJ AL TEJA, DEVAS SENDI TUJ SIAJN ADRESOJN=LA REDAKCIO DE "I.Ĵ." SENDOS AL ILI LA LASTAJN N-ROJN DE "INT.ĴURNALISTO".
Estas rezervitaj numeroj ankaŭ de antaŭaj jaroj

---

NOVA LERNEJO DE SOLIDARECO EN BERLIN

La berlina lernejo de Solidareco, fondita aŭtune de 1963 estas unu el la unuaj similaj lernejoj. Dum pli ol 15 jaroj en ĝi lernis kelkcentoj da ĵurnalistoj el pli ol kvardek landoj.

Pro la granda intereso al la lernejo kaj ĝia altkvalita instruado la nombro de la dezirantoj lerni ĵurnalismon en ĝi tre ege pli-altiĝis.

Jen kial la Asocio de la Ĵurnalistoj en Germana Demokratia Respubliko decidis konstrui novan, pli grandan lernejan konstruaĵon el la malnova. La 16-an de februaro 1979 oni komencis konstrui ĝin.

INTERNACIA INICIATO DE ĴURNALISTOJ SUB LA AŬSPICIO DE UN

La 3-an de marto 1979 en la Ĝeneva palaco (Svislando) estis subskribita kontrakto inter UN kaj la redakcioj de 16 plej aŭtoritataj eŭropaj , aziaj, afrikaj kaj sudamerikaj gazetoj.

Lige kun tiu interkonsento tiuj gazetoj ("Asahi Simbun" - Japanio, "Daun" - Pakistano, "Ekselsior" - Meksikio, "Frankfurte Rundŝao" - FRG, "Indian Ekspres" - Hindio, "Ĵornal de Brazil" - Brazilo, "Madjar hemset" - Hungario, "Mond" - Francio, "El Muĝaĥid" - Alĝerio, "El Pais" - Hispanio, "Politika" - Jugoslavio, "Die Presse" - Aŭstrio, "Solej" - Senegalo, "Stampa" - Italio, "Development forum" - UN kaj "Ĵuĉe Varŝavi" - Pollando) ekde junio j.k. komencos ĉiujare eldoni komunan aldonaĵon. En ĝi oni traktos diversajn gravajn problemojn pri la nova ekonomia kunlaboro, la problemoj de la evoluantaj landoj ktp. La ĝenerala sekretario de UN Kurt Valdhajm akceptis favore tiun bonegan iniciaton.

GRAVA: <u>PRI LA JARKUNVENO DE TEĴA EN LUCERNO, SVISLANDO</u>

KIEL ORDINARE, ANKAU ĈI JARE EN LA KADROJ DE LA 64-a UK DE ESPERANTO EN LUCERNO, SVISLANDO, OKAZOS JARKUNVENO DE TEĴA. LA ESTRARO DE NIA ASOCIO PETAS ĈIUJN KOLEGOJN KAJ MEMBROJN DE TEĴA, KIUJ PARTOPRENOS LA UK EN LUCERNO BV. SERĈI TIE - EN LA KONGRESEJO - LA ESTRARANOJN OLAV THORMODSEN (la prezidanto), LA ĜENERALA SEKRETARIO DINO FABRIS, LA REDAKTORON DE "I.Ĵ." M. CONKOVSKI k.a. ONI SERĈU ANKAŬ ANONCAFIŜOJN.

= Nia Poŝto =

= Robert Castelão, C. Alzinaret, 2 Andorra la Wella, Valls D, Andorra
"Dankon pro la "Historio de via Andorra. Bonvolu sendi al ni 2-3 fotojn belaspektajn.

✱

= Harkovskij, Knichal, Megalli, kolegoj el aliaj landoj. Bv. sendi al "I.J." kontribuajojn.

= Ni petas la redaktorojn de esperantaj gazetoj sendi al ni interŝanĝe siajn eldonaĵojn kaj mencii en ili pri la apero de "I.J".

"Internacia Jurnalisto atendas diversajn materialojn: artikolojn, eseojn, beletron kaj poezion, humurajojn, karikaturojn, fotojn ktp.

Cion sendu al la adreso de la redaktoro Esperov - vidu la adreson sur la lasta paĝo.

Ciuj ni devas kontribui por la regula aperado de "I.J." kaj por ĝia bela aspekto kaj interesa enhavo.



SEN VORTOJ

(Newyorker - USONO)

INTERKONSENTO PRI KUNLABORADO

En Sofio, Bulgario, estis subskribita interkonsento inter la Bulgara kaj Etiopia Ĵurnalistaj Asocioj, kiun subskribis Tsegae Hailu kaj Stojne Krâstev de ambaŭ Asocioj.

EN G D R

Lige kun la 30-a jaro de la kreo de Germana Demokratia Respubliko la Germana Ĵurnalista Asocio invitis fotoĵurnalistojn el Bulgario, Hungario, Mongolio, Pollando, Rumanio, Ĉeĥoslovakio, USSR kaj Vjetnamio kaj organizis por ili kelktagan ekskurson tra la lando.

LA REDAKCIO DE "INTERNACIA ĴURNALISTO" ATENDAS VIAJN KONTRIBUAĴOJN, KARAJ TEĴANOJ. NE PROKRASTU. LA REDAKCIO BEZONAS ĈIUSPECAJN MATERIALOJN.

SALT ---2 KAJ NI

Estas memkompreneble, ke ĉiuj membroj de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio unuanime aprobos la kontrakton, subskribita de ambaŭ ŝtatgvidantoj - Leonid I. Brejnev (USSR) kaj Gimi Cartar (USONO). Ĉar tiu ĉi dokumento, aprobita post longaj interparoloj, estas treege grava kaj utila ne nur por la ambaŭ ŝtatoj (USSR - USONO), sed ankaŭ por la tuta homaro, sopiranta pacon kaj trankvilan vivon, interkompreniĝon kaj amikecajn interrilatojn.

Ni esperu, ke la saĝo instigos la ambaŭ ŝtatestrojn kaj aliajn ŝtatgvidantojn de aliaj landoj, komprenante la gravecon de la tutmonda paco, atingos en ne tre longa tempo ankaŭ konkordojn pri SALT - 3, SALT - 4, 5, 6 ktp por malpermeso de ĉiuj teturaj, atomaj, nukleaj, neutronaj ktp armiloj kaj armilportantoj.

**

GRANDA ARTIKOLO EN "NEUES DEUTSCHLAND"

La ŝajne plej ampleksa artikolo pri Esperanto, kia aperis ĝis nun en "Neües Deutschland", la ĉeforgano de la Centra Komitato de la Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio, oni trovis en la eldono de la 2.13.12.1976 (p.16). La gazetara GDR-korespondanto en Sofio, Heinz Kämmerer, amplekse priskribis la agadon de la esperantistoj en Bulgario (65 linioj).

## EN GRAVA ENCIKLOPEDIO

La unuvoluma enciklopedio "Kulturpolitisches Wörterbuch" (Kulturpolitika Vortaro), kiu aperis fine de 1978 ĉe Dietz-Verlag, Berlin, en dua eldono enhavas tre ampleksan artikolon pri Esperanto, ties internacia apliko kaj pri la agado de la esperantistoj en Kulturligo de GDR (p.180-181).

La artikolon verkis d-ro Detlev Blanke.

La enciklopedio apartenos al la plej gravaj laborinstrumentoj de kulturaj funkciuloj en GDR.

x x x x x

## Lernolibro por jurnalistoj

**La ĝen. sekretariato de IJO eldonis la unuan lernolibron por jurnalistoj, kies aŭtoro estas prof. Vladimir Hudec en Praga. La titolo de la libreto (60 paĝa, formato A 5) estas "Jurnalismo, ĝia esenco, socialaj funkcioj, evoluo". Krom tiu - la unua - la eldonejo aperigos ankaŭ aliajn lernolibrojn. Laa lernolibroj aperos ankaŭ en la hispana lingvo.**

x x x x

## ESTRARO DE TEĴA

Prezidanto:- Olav Thormodsen, box 59, Haugesund, Norvegio.

Vicprezidantoj:- Ivan Keremedĉiev-Esperov, kv."Borovo", blok 219, B. 1680 Sofia, Bulgario. (Li estas ankaŭ ĉefredaktoro de "Internacia Ĵurnalisto"; Tadros Megalli, D-8381 Rossbach, FRG (adreso ne kompleta); Nikolaj Danovskij, 226014 Riga-14, ul."Ostrovskogo" 4-4, Sovet Unio. Ĝenerala sekretario kaj kasisto - Dino Farbis, Borgo Bossano 5, Cittadella, (Padova), Italio.

Membro-estraranoj: - S-ino Anna Brennan, Niewe Binenweg 176, NL-3015, BJ Rotterdam, Nederlando;

Aleksandr Harkovskij ...

## Bibliografio pri enhavo de Esperantaj periodaĵoj 1887-1979

**Por tiu privata bibliografio ĉiuspecajn materialojn serĉas (malnovajn E-gazetojn) Edvard Wojtakowski, P.O.Kesto 312, PL-50-950 Wroclaw 2, Pollando. Rekompenco per poŝtmarkoj, E-libroj ktp.**

x

**En la jarkunveno de TEĴA (en Lucerno 1979) la partoprenantoj bonvolu preni sur sin la taskojn kolekti ja kogizojn de siaj samlandanoj kaj**

p.k.325,Sovetunio; A.W.Thomson, Anglio (adreso ne kompleta); Donĉo Hitrov, 1463 Sofia, ul. Ĥan Asparuĥ 61, Bulgario.

Gekolegoj, la estraro petas treege ĉiujn vin: TUJ SENDU VIAN MEBROKOTIZON (1,50 dolaroj, 2 bulgaraj levoj aŭ la egalvaloro en via nacia mono) por la nuna 1979 jaro. La monon sendu laŭ viaj eblecoj al la prezidanto Thormodsen, la vicprezidanto Esperov aŭ al la sekretario-kasisto Dino Febris. Pagu ankaŭ por 1978 jaro.

TEĴANOJ! Bonvolu kontroli ĉu via adreso estas preciza. Se ne, sendu al "I.Ĵ" la veran adreson!

---

Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov. 1680 Sofia
kv. "Borovo",bl.219 B, BULGARIO,tel.56-58-77

Redaktoroj: Krastju Karucin kaj Minko Conkovski.